# der esperantist

**Mitteilungsblatt des Esperanto-Verbandes im Kulturbund der DDR**

17. Jahrgang Nr. 108 (4/1981) ISSN 001 4-0619 30 Pf

## *Erklärung*

**der Delegierten der III. Zentralen Konferenz der Esperantisten im Kulturbund der DDR am 23./24. Mai 1981 in Karl-Marx-Stadt**

Wir Delegierten der III. Zentralen Konferenz der Esperantisten im Kulturbund der DDR begrüßen einhellig die historischen Beschlüsse des X. Parteitages der SED. In dem Bewußtsein, daß der bewährte Weg der weiteren Verwirklichung der Hauptaufgabe, der sozialen Sicherheit und des Kampfes für die Erhaltung des Friedens die Voraussetzungen für unser internationalistisches Wirken schafft, versichern wir im Namen der Mitglieder des Esperanto-Verbandes im Kulturbund der DDR, unseren Beitrag zur Stärkung der DDR und zur Realisierung der Beschlüsse des X. Parteitages zu leisten. Das heißt für uns, auf der Grundlage der humanistischen Ideale und politischen Ziele der Arbeiterklasse, des proletarischen Internationalismus und des sozialistischen Patriotismus, dafür zu wirken, daß alle Mitglieder des Verbandes die internationale Sprache Esperanto verstärkt zur Information über die entwickelte sozialistische Gesellschaft in der DDR, für den weiteren Ausbau der Freundschaft mit der Sowjetunion und den anderen sozialistischen Ländern, für die Verbreitung der Ideen des Sozialismus, des Friedens, der Völkerfreundschaft und der antiimperialistischen Solidarität nutzen.

Wir bringen unsere tiefe Beunruhigung zum Ausdruck über die menschheitsfeindliche Politik imperialistischer Kreise, besonders der USA und der NATO, die nicht nur die Ergebnisse der Entspannungspolitik in Frage stellen, sondern die Gefahr eines verheerenden Krieges heraufbeschwören.

Wir unterstützen daher alle Initiativen und Maßnahmen, die Generalsekretär Leonid Breshnew von der Tribüne des XXVI. Parteitages der KPdSU zur Sicherung des Friedens, zur Fortsetzung der Entspannung und für wirksame Schritte zur Abrüstung vorgeschlagen hat. Diese Politik des Friedens ist auch das Grundanliegen unseres Staates, als wesentliche Voraussetzung für ein Leben in sozialer Sicherheit. Deshalb geben wir am 14. Juni 1981 unsere Stimme den Kandidaten der Nationalen Front in der Gewißheit, daß diese Repräsentanten aus allen Schichten unseres Volkes, stets dem Wohl des Volkes dienen.




**Pri la IIIa Centra Konferenco de la Esperantistoj en Kulturligo de GDR en Karl-Marx-Stadt:**

# Esperanto-Asocio fondita

Ni revenis al la urbo kun la prestiĝa nomo Karl-Marx. 1970 tie okazis la unua Centra Renkontiĝo de la Esperantistoj en GDR. Kaj ĉi-jare, de la 22a ĝis 24a de majo 1981, la IIIa Centra Konferenco de la Esperantistoj en Kulturligo de GDR markis novan etapon en la evoluo de la Esperanto-movado de nia respubliko. La konferenco pasis sub bonegaj teknikaj kondiĉoj en la urba halo de Karl-Marx-Stadt, la moderna arkitektura komplekso, proksime de la granda Karl-Marx-monumento kun la multlingva surskribo „Proletoj ĉiulandaj unuiĝu!"

190 delegitoj kaj gastoj de la distriktaj laborrondoj kaj 19 eksterlandaj reprezentantoj sekvis kaj kunrealigis multflankan programon. La konferenco havis la celojn,

- bilanci antaŭ la delegitoj la atingitan nivelon de la agado de la esperantistoj de GDR ekde la 9a Partia Kongreso de SUPG, ekde la 9a Kongreso de Kulturligo kaj de la IIa Centra Konferenco de la Esperantistoj 1976;
- fruktuzigi la decidojn de la 10a Partia Kongreso de SUPG por la plua agado de la esperantistoj kaj doni specifan kontribuon al la preparo de la 10a Kongreso de Kulturligo, okazonta 1982 en Dresdeno;
- solene deklari la transformon de Centra Laborrondo Esperanto en „Esperanto-Asocion en Kulturligo de GDR";
- pridiskuti la estontajn taskojn de la esperantistoj de GDR kaj decidi pri la „Gvidprincipoj de Esperanto-Asocio en KL de GDR";
- elekti la membrojn de la Centra Estraro de Esperanto-Asocio de GDR kaj ties prezidion.

Tiujn celojn la konferenco plene plenumis. Fakte ne temis simple pri „Konferenco" sed nepre pri nacia kongreso laŭ la kutimo de la Esperanto-movado. Sed ni restas ĉe la tradicia terminologio kaj distingu inter Centraj Renkontiĝoj (= naciaj kongresoj sen elektoj) kaj Centraj Konferencoj (= naciaj kongresoj kun elektoj). La delegitoj venis bone preparitaj al la konferenco: Ja estis okazintaj sur distrikta nivelo la distriktaj elektokonferencoj kaj sur subdistrikta nivelo elekto-kunvenoj. Dum tiuj aranĝoj jam estis diskutitaj multaj problemoj de la esperantista agado. Ili, resumitaj, eniris la tagordon de la Centra Konferenco, do en la 24-paĝan priagadan raporton de CLE al la delegitoj kaj en la ĉefreferaĵon, la diskutkontribuojn kaj en la novajn Gvidprincipojn. Krom la priagada raporto la delegitoj trovis inter siaj kongresmaterialoj ankaŭ la esperantlingvan suplementon al Moscow-News kun la paroladoj de *Breĵnev* kaj *Tiĥonov* dum la 26a Partia Kongreso de KPSU (kiun afable alportis nia amiko, la vicprezidanto de ASE, *Vladimir Samodaj*), la Apelon de Sofio kontraŭ la vetarmado, la projekton de la fina deklaro, la projekton de la Gvidprincipoj, la numeron 5/81 de „Neue Deutsche Presse" kun 2paĝa intervjuo pri Esperanto, konferencinsignon kaj aliajn materialojn.




Kun aparta ĝojo la konferencanoj salutis la eksterlandajn gastojn. Ili estis el *Bulgario* (Bulgara Esperantista Asocio) *Violin Oljanov, Stojan Cankov, Maria Angelova,* kaj el Pazarĝik invititaj de DLE Karl-Marx-Stadt *Stojan Tanev* kun edzino; el *ĈSSR Vlastimil Kočvara* kaj *Drahomir Kočvara* (por Ĉeĥa Esperanto-Asocio), kaj *Eduard Tvarožek* kaj *d-ro Andrej Lukaĉ* (por Asocio de Esperantistoj de Slovaka Soc. Resp.); el *Hungario* (Hungara Esperanto-Asocio) *d-ro Arpád Mathé* kaj *Zsófia Kóródy;* el *Pollando* (Pola Esperanto-Asocio) *Lech Koźeniak* kaj *V. Wesselowski;* el *Rumanio* (Kolektivo Esperanto/interlingvistiko ĉe Rumana Akademio de Politikaj Sciencoj) *d-ro Liviu Podariu* kaj *d-ino Stella Ostoya;* el *Soveta Unio Vladimir Samodaj* (Asocio de Sovetuniaj Esperantistoj) kaj (invitita de DLE Karl-Marx-Stadt) *Vladimir Nazarov.* Flanke de *Universala Esperanto-Asocio* partoprenis ties vicprezidanto, *d-ro Renato Corsetti* (Italio) kaj la redaktorino en la UEA-oficejo *Anna Brennan* (Grandbritio).

Jam ĵaŭde vespere (21. 5. 81) la eksterlandaj gastoj vivigis internacian vesperon per koncizaj esperantlingvaj kontribuoj pri la praktika utilo de la lingvo, kiuj estis tradukitaj por la parte neesperantista publiko germanlingven.

Vendrede, la 22an de majo 1981, la Esperanto-movado de GDR notis mallongan sed historian plenkunsidon de Centra Laborrondo. Ĝi estis la 15a (post la IIa Konferenco 1976 en Leipzig) kaj — la lasta, ĉar CLE ĉesis ekzisti por doni lokon al la Esperanto-Asocio. Sed pri tio poste.

Vendrede vespere, dum la renkontiĝa vespero oni omaĝis al la fondinto de Kulturligo, la poeto Johannes R. Becher, kiu ĝuste tiun tagon fariĝintus 90-jara. *Jürgen Hamann* donis koncizan superrigardon pri la verko kaj signifo de Becher kaj deklamis la konatan poemon „Kiu skuas dormon de la mondo — Lenin“, en la traduko de *Manfred Arnold.* La poemon „Popole propra“ en la traduko de *d-ro Karl Schulze* deklamis *Wera Dehler.* La tradukoj estis rezultoj de tradukkonkurso laŭ iniciato de Distrikta Laborrondo Leipzig. La unuan premion gajnis *d-ro K. Schulze,* la duan *Manfred Arnold.*

Sabate, la 23an de majo, la delegitoj kolektiĝis en la feste ornamita kaj vere digna urbohalo de Karl-Marx-Stadt. Post malfermo de la konferenco, prezento de la konferencprezidio kaj omaĝado al la forpasintoj la vicprezidanto de Kulturligo *prof. d-ro Eduard Steiger* per varmaj vortoj aprezis la gravan multjaran agadon de la esperantistoj de GDR, kiu fariĝis nemalhavinda parto de la tuta agado de Kulturligo, kaj informis pri la decido de la Prezidio de Kulturligo de 8. 5. 81 transformi la ĝisnunan Centran Laborrondon kaj la al ĝi ligitajn unuojn en la „Esperanto-Asocion en Kulturligo de GDR“. Tio estas vere grava paŝo en la historio de la Esperanto-movado de GDR, kiu havas kelkajn gravajn aspektojn (vidu paĝon 85).

Sekvis esperantlingva alparolo de *d-ro Hans Uhlig,* prezidanto de la Estraro de Kulturligo de Distrikto Karl-Marx-Stadt, kiu karakterizis la ŝanĝiĝon de la iama griza kaj malpura Chemnitz en la socialisman Karl-Marx-Stadt. Li informis pri la agado de la distrikta organizaĵo de KL substrekante la tradicie elstaran kontribuon de la esperantistoj.

La salutojn de la Distrikta Estraro de Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio (SUPG) transdonis *d-ro Walter Kusche* kaj tiujn de la prezidio de la Filatelista Asocio en KL *Heinz Uhlmann.* Sekvis la ĉefreferaĵo de la prezidio de Centra Laborrondo Esperanto, prezentita de la ĝisnuna prezidanto *Rudolf Hahlbohm. En la* ĉefreferaĵo la referento substrekis la neceson estonte grave plivastigi kaj plifortigi la bazon de la esperantista agado kaj doni pli da atento al la grupoj mem. La iom koncizigitan germanlingvan tekston kun esperantlingva resumo ni publikigos en „der esperantist“ 5/81.

Kiel reprezentantoj de siaj asocioj salutis la IIIan Konferencon *Violin Oljanov* (por BEA), *Vlastimil Kočvara* (por ČEA), *Eduard Tvarožek* (por la Slovaka Asocio), *D-ro Arpád Mathé* (por HEA), kiu ankaŭ transdonis al *d-ro Blanke* la hungaran distingon „Pro Esperanto“, *Lech Koženiak* (por PEA), *d-ro Liviu Podariu* (por la Rumana Kolektivo Esperanto/Interlingvistiko), *Vladimir Samodaj* por ASE). Flanke de Universala Esperanto-Asocio salutis ties vicprezidanto *d-ro Renato Corsetti* kaj *Anna Brennan.* La diskuto prilumis kaj pliprofundigis kelkajn aspektojn de la agado. *Hanna Scheffs* (Potsdam) motivigis la neceson pliintensigi la internaciisman agadon kaj donis riĉajn spertojn pri la rilatoj de la Distrikto Potsdam al Sovetunio, Pollando kaj Bulgario. Kompletigis tiun temon *Rolf Bethke* (Karl-Marx-Stadt) substrekante la intimajn rilatojn kun la ĝemela urbo Pazardĝik (Bulgario). *Elke Valtin* (Neubrandenburg), kun 18 jaroj la plej juna diskutkontribuinto, montris surbaze de la spertoj en la distrikto Neubrandenburg, ke por sukcesa junulara agado necesas konkretaj taskoj, laŭplane organizendaj interesaj aranĝoj. *Werner Plate* (Rostock) traktis la ĝojojn kaj venkendajn malfacilojn en la ĉiutaga agado de kulturliga funkciulo kaj substrekis, ke abela diligento nur havas sencon, se ĝi ankaŭ alportas mielon. Jen la problemo de efikeco de nia laboro. *D-ro*




*Parolas la vicĉefsekretario de Kulturligo de GDR, d-ro Gerhard Mertink*

*Till Dahlenburg* (Brüel) donis sian konsenton al la novaj gvidprincipoj ekvalidigotaj por la Esperanto-Asocio kaj elstarigis la apartan rolon de Kulturligo kiel alianca organizaĵo. Li plue substrekis la edukan kaj klerigan valoron de Esperanto.

La diskuto antaŭtagmeze provizore trovis sian konkludan parton en la elpaŝo de la vicĉefsekretario de Kulturligo, *d-ro Gerhard Mertink,* kiu ankoraŭfoje substrekis la valoron de la agado de la esperantistoj dankante al ili en la nomo de sekretariaro de la prezidio de KL. Sin rilatigante al unuopaj diskutkontribuoj *d-ro Mertink* karakterizis la specifecon de la esperantista agado de GDR kiu internacie estas aprezata dank al ĝia klara socialisma enhavo. Li substrekis la gravecon de la pacprogramo, deklarita de la 26a Partia Kongreso de USSR kaj subtenata de la aliaj socialismaj landoj, kiu ankaŭ estas batalpozicio por la esperantistoj. Gravan taskon por la esperantistoj de GDR li vidas en la informado pri GDR pere de la internacia lingvo.

Sabate posttagmeze formiĝis paralele 4 laborgrupoj, kiuj traktis, ekskluzive en Esperanto kaj kun vigla partopreno de la eksterlandaj gastoj, jenajn temociklojn: 1. agado en la teritorio (gvidis *Werner Pfennig*), 2. elekto kaj kvalifikiĝo de funkciuloj (gvidis *Jürgen Hamann*), 3. Intensivigo de la instruado (gvidis *d-ro Till Dahlenburg*) kaj 4. Esperanto en scienco kaj tekniko (gvidis *Linde Knöschke*). En tiuj laborgrupoj partoprenis la disuton pli ol 50 konferencanoj.

Sekvis paralele 4 prelegoj de la eksterlandaj gastoj: *d-ro Corsetti* karakterizis la rilatojn inter UNESKO kaj UEA. *Vladimir Samodaj* prezentis sovetajn spertojn en la tradukado de literaturo. *Violin Oljanov* prelegis pri la batalo de laboristaj esperantistoj por libera Bulgario kaj *d-ro Arpád Mathé* prezentis prelegon de *prof. d-ro Otto Haszpra* pri la nuna stato de Esperanto en scienco kaj tekniko. Bedaŭrinde ne ĉiu konferencanoj uzis tiun maloftan eblecon aŭskulti elstarajn prelegojn. Sed ĉiuj prelegoj estas sonbende registritaj kaj eniris la sonbendan servon de la Esperanto-Asocio. La kulturvespero enhavis prezentadon de kantoj plenumita de la internacie konata bulgara kantistino *Maria Angelova* el Sofio kaj folkloran koncerton de la „Cŝornaŭer Naĥtigalen“ (najtingaloj el Zschornau).

Dimanĉo, la 24an de majo, antaŭtagmeze, la konferenco daŭrigis la diskutadon. *Prof. d-ro Georg Friedrich Meier* (Berlin), elstara lingvisto en GDR, prezentis en Esperanto (!) kelkajn tezojn pri la lingvoscienca valoro de Esperanto kaj substrekis, ke pro la celkonscia agado de la Fakgrupo interlingvistiko/esperantologio en lingvistaj rondoj de GDR kreiĝis sobra kaj ĝenerale afereca sinteno al Esperanto. Nun necesas pli klare montri la valoron de Esperanto por scienco kaj tekniko. Ke altnivela grupagado povas alogi ties membrojn, montris *Erika Piatkowiak* (Freiberg) ĉe la ek-



*Gaja internacia rondo. De maldekstre dekstren: d-ro A. Lukaĉ (parte nevidebla, Slovakio), d-ro A. Mathé (Hungario), E. Tvarožek (Slovakio), Z. Kóródy (Hungario), V. Oljanov (staranta, Bulgario).*

zemplo de la grupo en Freiberg. *Horst Theurich* (Berlin) skizis la agadon de la Fervojista Fakgrupo kaj montris, ke sencplena ligo de profesiaj interesoj kun Esperanto donas firman bazon por valora faka agado. En Leipzig la tiea Distrikta Laborrondo bonege enkadriĝis en la kulturligan urban organizaĵon kaj sukcesis utiligi siajn diversajn aktivecojn por efika kaj altkvalita informa agado. Klaraj iom postulemaj taskoj donas bonajn rezultojn. Tion montris *Michael Behr* en sia kontribuo. *D-ro Detlev Blanke* motivigis la novajn gvidprincipojn, substrekante, ke la ĝis Karl-Marx-Stadt validaj pruviĝis plene taŭgaj, sed la kolektitaj spertoj kaj la fondo de la Asocio necesigis la ellaboron de novaj. *Hans Heinel* proponis akcepton de la Deklaro de la IIIa Konferenco. Sekvis raportoj de la gvidantoj de la laborgrupoj *Linde Knöschke, Werner Pfennig, D-ro Till Dahlenburg* kaj *Jürgen Hamann.*

En la kadro de la konferenco estis distingitaj per la Johannes-R.-Becher-medalo en bronzo *Hans Joachim Borgwardt* el Stralsund kaj per la Honorinsigno de Centra Laborrondo *Maria Jenzen* (Stralsund), *Walter Kemnitz* (Halle), *Siegfried Linke* (Halle), *Linde Knöschke* (Berlin), *Michael Lennartz* (Ludwigsfelde).

Post la raporto de la prezidanto de la redakta komisiono, *d-ro Joachim Hußner* la delegitoj akceptis unuanime la novajn Gvidprincipojn kaj (kun du sindetenoj) la Deklaron. La elektadon gvidis *Achim Zettier.* Ricevis la konfidon ĉiuj 33 kandidatoj al kiuj estis aldonendaj la 13 prezidantoj de la Distriktaj Estraroj, kiuj estis elektitaj dum la distriktaj delegitaj konferencoj kaj eniras tute samrajte en Centran Estraron de Esperanto-Asocio en KL de GDR. La Centra Estraro el sia mezo elektis jenajn naŭ membrojn de la prezidio: *Hans Heinel,* prezidanto, *Rudolf Hahlbohm* vicprezidanto, *d-ro Detlev Blanke,* sekretario kaj kiel pluajn membrojn *Linde Knöschke, Manfred Arnold, Jürgen Hamann, Michael Lennartz, Siegfried Linke, Werner Pfennig.*

En sia ferma parolado la prezidanto de Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR, *Hans Heinel* dankis pro la ricevita konfido, taksis la konferencon grava etapo en la historio de la Esperanto-movado de GDR kaj alvokis al la realigo de la Gvidprincipoj. Li dankis al la prezidinto de la ĝisnuna Centra Laborrondo *Rudolf Hahlbohm* pro la farita laboro kaj al la vicprezidinto *Ludwig Schödl,* kiu bedaŭrinde ne rekandidatiĝis por la prezidio sed restos en la Centra Estraro. Grandan dankon la prezidanto esprimis en la nomo de ĉiuj konferencanoj, al la efike laborinta loka konferenca preparkomitato sub la gvido de *Rudolf Burmeister,* al la instruktorino de la distrikta estraro de KL en Karl-Marx-Stadt *Elise Hempel* kaj al la du senlacaj kunlaborantinoj el la asocia sekretariejo *Ruth Schonert* kaj *Ilse Serowy.*

La tuta konferenco pasis sub ekskluzive bonaj teknikaj kondiĉoj, kiujn malavare disponigis (kaj pagis) Kulturligo.

La gazetaro de GDR bone raportis pri la konferenco, i. a. per speciala ampleksa intervjuo en la ĉeforgano de la ĵurnalista asocio „Neue Deutsche Presse“ 5/81, en „Neues Deutschland“ (25. 5. 81), „Junge Welt“ (25. 5. 81) kaj en pli ol 30 pluaj artikoloj de la centra kaj distrikta gazetaro. Ankaŭ en la oklingva „GDR-revuo“ (eldonoj en la germana, angla, franca, itala, hispana, finna, sveda, dana) aperos ampleksa artikolo en n-ro 8/81.

Kompreneble al la konferenco ankaŭ apartenis porokazaj poŝtaĵoj, riĉa literatura oferto kaj eminente farita ekspozicio de *Rudolf Burmeister* pri Esperanto kaj la laborista movado. La ekspozicion ni prezentos en unu el la sekvaj numeroj.



*De maldekstre dekstren: Werner Pfennig, membro de la prezidio de EAK; d-ro Renato Corsetti, vicprezidanto de UEA; Anna Brennan, redaktorino en la Centra Oficejo de UEA*

En „der esperantist“ aperos la necesaj materialoj pri la konferenco. La tuta tagordo (inkluzive la prelegoj de la eksterlandaj gastoj kaj la laborgrupon pri Esperanto en scienco kaj tekniko) estas sonbende registrita. La sonbendoj haveblas laŭ la konataj kondiĉoj ĉe la sonbenda servo de la Asocio.

La IIIa Konferenco pasis. Nun necesas uzi ĝian stimulan efikon por la agado en la distriktoj. La riĉaj spertoj kaj pensoj, akumulitaj en la priagada raporto, en la ĉefreferaĵo, en la plenkunsidaj kaj laborgrupoj diskutkontribuoj kaj — ne laste — en la multaj du- kaj plurflankaj diskutoj periferie de la konferenco, ĉio ĉi estu zorge ekspluatita por ke plenumiĝu la vorto de Johannes R. Becher: „Multe da bono ni sukcesis fari.Grandaj taskoj nin ankoraŭ atendas kaj nur, se tiujn antaŭstarantajn taskojn ni plenumos, ĉiu bono jam farita pluefikados kaj perceptеblos ĉie“.

## Germana-soveta amikeco pere de Esperanto

Partopreninte en februaro vojaĝon tra Mezazio pere de nia vojaĝoficejo, mi ankaŭ restis unu tagon en Taŝkento. Tie mi havis perigitan de nia konata amiko Petro Polišĉuk renkontiĝon kun la loka Esperanto-grupo en la Domo de Amikeco.

Surprizita mi estis, kiam mi, en akompano de la prezidanto de la loka Esperanto-Komisiono, s-ano Ŝakirov, sekvis la inviton al akcepto en la Domo de Amikeco. Tie mi estis salutita de la vicprezidanto de la Uzbeka Unio por Amikeco kaj Kulturaj Rilatoj kun Eksterlando, kiu informis min ruslingve pri la vasta laboro de tiu organizaĵo (esperantigis s-ano Masalkin). Post la fino de la oficiala parto ni – anoj de la Taŝkenta E-grupo kaj mi – ĉe teo kaj naciaj dolĉaĵoj parolis pri la laboro en niaj organizaĵoj. Bedaŭrinde tempo mankis por pli longa restado, ĉar mi ja estis enviĉigita en la programo de mia vojaĝgrupo.

Ĉe la fino de la akcepto la sovetaj amikoj prezentis du kolorajn filmojn. La unua permesis al mi enrigardon en la batalon de la uzbekaj virinoj por liberigo kaj pri iliaj suferadoj pro memstarigo post la revolucio. La dua filmo montris al mi kulturajn ensemblojn kaj vidindaĵojn de Uzbekistano.

Tiu aranĝo estis por mi kulmino de mia restado en Taŝkento, ĉar ĝi ne nur estis simple amika renkontiĝo inter esperantistoj de Sovetunio kaj GDR, sed ankaŭ esprimo de germana-soveta amikeco. Dankon al ĉiuj sovetaj amikoj, esperantistoj kaj neesperantistoj, kiuj ebligis al mi tiun impresan travivaĵon.

Ruth Schonert

# Gvidprincipoj

**de Esperanto-Asocio en Kulturligo de Germana Demokratia Respubliko**

1. „Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR“ (en la teksto plue nomata Asocio) kunigas civitanojn de ĉiuj profesioj kaj aĝoj interesiĝantaj pri la lernado, aplikado kaj popularigado de la internacia lingvo Esperanto. La Asocio estas parto de Kulturligo; la membreco en la Asocio realiĝas per la membreco en Kulturligo. La Bazaj Taskoj de Kulturligo kaj tiuj Gvidprincipoj determinas la enhavon de la laboro de la Asocio.

2. Surbaze de la humanismaj celoj de la laborista klaso, konfirmitaj denove per la decidoj de la X-a Partia Kongreso de SUPG[1]), la membroj de la Asocio aktive kunagadas ĉe la elformado de la disvolviĝinta socialisma socio en Germana Demokratia Respubliko. Ili rigardas unu el siaj plej gravaj taskoj, konvinke prezenti al alilandaj esperantistoj pere de siaj lingvaj scioj la historiajn atingojn de la socialisma evoluo en Germana Demokratia Respubliko kiel parton de la socialisma ŝtataro.

3. La lernado, aplikado kaj kulturado de Esperanto kiel parto de la fremdlingva klereco, prezentas multflankajn eblecojn por la formado de sencoplena libertempo, donas al la unuopulo spiritan gajnon kaj servas al la socia bezono de la konservo de paco kaj la firmigo de popola amikeco.

   Pro tio la Asocio rigardas sian agadon kontribuo por la evoluigado de socialismaj personecoj kaj por la disvolvo de ties vivmaniero, kiu estas karakterizita per la spirito de socialisma patriotismo kaj proleta internaciismo.

4. La esperantistoj organizitaj en la Asocio pledas por la utiligo de la Internacia Lingvo serve al paco kaj progreso. Ilia aparta deziro estas la plifirmigo kaj pliprofundigo de la amikeco kaj kunlaboro kun la esperantistoj el Soveta Unio kaj el la aliaj socialismaj ŝtatoj. La Asocio intime kunlaboras kun ili duflanke kaj multflanke sur la kampoj politika kultura kaj faka. Samtempe ili sentas sin solidare aliancitaj kun ĉiuj kontraŭimperiismaj kaj progresemaj fortoj en la mondo kaj decide kontraŭas ĉiujn formojn de imperiisma subpremado, kontraŭkomunismo, novfaŝismo kaj rasismo. Kiel membro de neŝtataj internaciaj organizaĵoj la Asocio utiligas siajn rilatojn kun naciaj Esperanto-organizaĵoj konforme al la politiko de paca kunekzistado, por malstreĉiĝo kaj malarmado.

5. En sia tuta agado la Asocio fruktuzas kaj kulturas la humanismajn tradiciojn de la internacia Esperanto-movado, aparte de la revolucia laborista Esperanto-movado, kreive plukonservante ilin en sia agado. Ĝi kolektadas kaj esplorrigardas koncernajn dokumentojn kaj aliajn materialojn. Apartan signifon ĉi-rilate havas la historiaj spertoj de la germana-soveta amikeco de la laboristaj esperantistoj.

6. La Asocio sekvas la internacian evoluon de esploroj pri sciencaj aspektoj de Esperanto kiel internacia komunikilo sub la kondiĉoj de la scienc-teknika revolucio kaj mem donas proprajn kontribuojn. Ĝi kunlaboras ĉe tio kun sciencaj institucioj.

7. La Asocio realigas siajn taskojn diversmaniere. Ĝi popularigas Esperanton en GDR — aparte inter la juna generacio —, akcelas la okazigon de kursoj por la lingvolernado, organizas centrajn naciajn kaj internaciajn aranĝojn en GDR kaj subtenas la aplikadon de Esperanto en scienco, tekniko kaj sur aliaj fakokampoj. Ĝi tradukas kaj publikigas politikajn, kulturpolitikajn kaj fakajn materialojn kaj, komisiite de Kulturligo, eldonas la revuon „der esperantist". La Asocio kaj ĝiaj membroj strebas al intima kunlaboro kun aliaj fakoj de Kulturligo kaj kun aliaj sociaj institucioj kaj organizaĵoj de GDR.

8. La bazo de la Asocia agado estas la Esperanto-Grupoj. Ili organizas inter alie lingvokursojn, prelegojn, diskutvesperojn, seminariojn kaj ekspoziciojn kaj okupiĝas pri politikaj ĉefproblemoj de la evoluo de GDR kaj de la internacia politiko — kiel premiso por sukcesa internaciisma agado. Ili kulturas la kreivan interŝanĝon de pensoj kaj spertoj kaj donas al siaj membroj multspecajn eblecojn aktivadi spirite kaj kulture laŭ iliaj interesoj kaj emoj kaj pri Esperanto kaj alimaniere. Per siaj rimedoj kaj eblecoj kaj kunlabore kun aliaj fakoj de Kulturligo ili kontribuas al la disvolviĝo de multflanka kultura vivo en sia teritorio kaj strebadas gajni ĉiujn esperantistojn por tiu komuna laboro.

9. La plej alta organo de la Asocio estas la Centra Konferenco. Ĝi elektas la Centran Estraron kaj alprenas bazajn decidojn por la laboro de la Asocio. La Centra Estraro gvidas politike-ideologie kaj fake la laboron de la Distriktaj kaj Subdistriktaj Estraroj laŭ la bazaj principoj fiksitaj de la Centra Konferenco kunordigante ties aktivecojn kaj prenante konformajn decidojn. Konforme al la principoj de la socialisma politiko de Germana Demokratia Respubliko rilate al eksterlando la Centra Estraro tenas kaj disvolvas rilatojn al internaciaj kaj naciaj organizaĵoj. Ĝi reprezentas en la internaciaj organizaĵoj la interesojn de la membroj de sia Asocio kaj partoprenas konformajn intertraktadojn kaj internaciajn aranĝojn.

10. La gvidado de la Asocio okazas laŭ la Statuto, la „Bazaj principoj por la gvidado" kaj laŭ la Financreguloj de Kulturligo.

[1]) SUPG = Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio, t. e. la komunisma partio de GDR

Akceptita de la IIIa Centra Konferenco de Esperantistoj en Kulturligo de GDR, la 24an de majo 1981 en Karl-Marx-Stadt.

## *Pri la novaj gvidprincipoj*

Dum la IIIa Centra Konferenco la delegitoj akceptis novajn „Gvidprincipojn por Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR". Kiel konate ĝis nun validis la „Gvidprincipoj por la laboro de la esperantistoj en Kulturligo de GDR", cetere dokumento ofte atakita de niaj malamikoj. Por tuj diri, la malnovaj gvidprincipoj pruviĝis plene taŭgaj en la praktiko. Laŭ ili ni evoluigis trankvile kaj solide paŝon post paŝo nian agadon. Certe, ne ĉion ni bone sukcesis kaj estis mankoj. Sed tamen ni kreis fortikan bazon por daŭra progreso de la movado en GDR. Ŝanĝiĝis la mondo, la internacia situacio kaj la vivo en GDR. Ni kolektis spertojn, internacie kaj nacie. Kaj gravas plue, ke ankaŭ ŝanĝiĝis Kulturligo, kies socia statuso daŭre plialtiĝadas, denove konfirmita dum la 10-a Partia Kongreso. La sojlon al la 80aj jaroj ni do transpaŝas per Esperanto-Asocio kun novaj gvidprincipoj. Kio estas nova en tiu-ĉi dokumento?

Jen kelkaj punktoj, kiuj mankas en la malnovaj gvidprincipoj:

1. Kompreneble unue oni difinas la Asocion (1) substrekante, ke membreco en ĝi realiĝas per la membreco en Kulturligo. En la Kulturligaj membro-kartoj oni notos „Esperanto-Asocio".

2. Tre grava estas la konstato en punkto 3, ke Esperanto estas parto de la fremdlingva klereco en GDR, ĉar tio donas pozicion al la lingvo rilate al aliaj en GDR kultivataj fremdlingvoj.

3. Oni substrekas la kunlaboron duflankan kaj multflankan al la socialismaj landoj kaj la rilatojn al neŝtataj internaciaj organizaĵoj (4).

4. Parolante pri tradicioj ni ĉiam, kompreneble, akcentis tiujn de la laborista Esperanto-movado. Sed en tio la tradicioj ne elĉerpiĝas. Ekzistas ankaŭ progresemaj tradicioj de la Esperanto-movado ekster la laborista movado. Zamenhof mem, nelaboristo sed burĝa humanisma intelektulo, donis multajn ideojn, kiuj nepre trovas lokon en la progresema traciciaro, kulturata en GDR (5).

5. En tute nova punkto ni akcentas la neceson de interlingvistika/esperantologia aktivado kaj ĉi-rilatan kunlaboron kun institucioj en GDR. Krome ni emfazas la fakton, ke ni donas propran memstaran kontribuon al la evoluo de tiu scienco (6).

6. En punkto 7 ni substrekas, ke la Asocio popularigu Esperanton aparte inter la gejunuloj, ĉar tio ĝis nun tre mankas.

7. Krome, unuan fojon, oni elstarigas la aplikon de Esperanto por scienco kaj tekniko (7).

8. Estas krome substrekata la neceso al kunlaboro, ne nur kun ĉiuj aliaj fakoj de Kulturligo, sed ankaŭ kun aliaj sociaj institucioj kaj organizoj en GDR (ekz. Packonsilantaro, Libera Germana Junularo, Ligo por Popola Amikeco k. t. p.).

9. En punkto 8 ni fiksas, ke en la Esperanto-grupoj entute regu riĉa spirita-kultura vivo, ne nur rilatanta esperantistajn temojn, kaj ke ankaŭ la esperantistoj havas respondecon por la evoluigado de interesa kultura vivo en la difinitaj lokoj de sia agado.

10. Kaj fine en la 9a kaj 10a punktoj sekvas informoj pri la gvidmekanismo de la Asocio. Gravas substreki, ke estas la afero de la Centra Estraro teni kaj evoluigadi la rilatojn kaj membrecojn en internaciaj neŝtataj organizaĵoj.

Ankaŭ la formo de la novaj gvidlinioj diferencas de la malnovaj. Dek klaraj punktoj anstataŭas la iom pli komplikan strukturon de la malnovaj. Tamen, dokumento restas nur peco de papero, se ĝin ne plenigas per agoj la Asocio. Do — ek al la realigo de la Gvidprincipoj de la nuna Esperanto-Asocio.

D. B.

## *Esperanto-Asocio de GDR, kial?*

Finfine preskaŭ ĉiu lando havas Esperanto-Asocion, kial nur ĉi-jare oni fondis tian en GDR? Eble iuj pensas tiel. Krome ili ja certe scias, ke jam longe en GDR la Esperanto-movado viglas kaj donas sian kontribuon al la tutmonda movado.

Eksterlanda reprezentanto dum la IIIa Konferenco en Karl-Marx-Stadt bondeziris al la „bebo“. Nu — pri bebo (la asocio) ververe ne temas. Dum 16 jaroj kreskis tamen jam junulo kun propra profilo. En la jaro 1965 Kulturligo de GDR, kiel konate, donis la tegmenton por la tiam reorganiziĝinta Esperanto-movado en GDR. Kaj la tegmento pruviĝis ideala.

Pro pure strukturaj kaj tradiciaj kaŭzoj oni tiam fondis nur la gvidantaron, Centran Laborrondon Esperanto, kiu gvidis Distriktajn (denove temas pri estraroj) kaj Subdistriktajn Laborrondojn. La „asocio“ fakte ekzistis en la formo de „esperantistaro en KL de GDR“, ĉar laboris grupoj, estis elektoj, konferencoj, memstaraj buĝetoj k. t. p. Dum la 70aj jaroj Kulturligo ŝanĝis sian strukturon, kaj tiu ŝanĝiĝado ankoraŭ daŭras. Tiel fondiĝis la Filatelista Asocio, diversaj Societoj en KL kaj, 1981, do la Esperanto-Asocio.

Se oni volas, ni nur donis al io la ĝustan nomon, kio jam antaŭe ekzistis. Aliflanke fondo de **asocio en Kulturligo** ne estas nur simple fondo de iu ajn asocio. Ĝi nepre estas grava kvalita ŝanĝo, plialtigo de la statuso kaj rekono de la esperantista laboro. Multo dependas nun de la esperantistoj de GDR mem, kiel vivigi la asocion. Ĉiu-kaze, espereble por la eksterlandaj amikoj, kiuj ofte ne sukcesis kompreni, kio envere estas tiu „Centra Laborrondo“, la bildo nun fariĝis pli klara.

## Gratulation den neuen Vorsitzenden der Bezirksverbände

Auf den Bezirkswahlkonferenzen der ehemaligen Bezirksarbeitskreise Esperanto wurden neue Vorsitzende gewählt. Sie gehören damit bereits (ex officio) dem neuen Zentralvorstand des Esperanto-Verbandes im Kulturbund der DDR an und mußten daher nicht auf der III. Konferenz gewählt werden. Wir gratulieren den neuen Vorsitzenden und wünschen viel Erfolg:

*Berlin* — *Hans Wegener*
*Dresden* — *Dr. sc. Günter Minkwitz*
*Erfurt* — *Hans-Jürg Kelpin*
*Frankfurt/O.* — *Bärbel Kulisch*
*Gera* — *Karl Raabe*
*Halle* — *Siegfried Linke*
*Karl-Marx-Stadt* — *Hans Heinel*
*Leipzig* — *Michael Behr*
*Neubrandenburg* — *Werner Pfennig*
*Potsdam* — *Hanna Scheffs*
*Rostock* — *Werner Plate*
*Schwerin* — *Hans Diedrich*
*Suhl* — *Dr. Hans-Joachim Hußner*

Da *Hans Heinel* auf der III. Konferenz zum Vorsitzenden des Esperanto-Verbandes im Kulturbund der DDR gewählt wurde, steht die Wahl eines neuen Vorsitzenden im Bezirk Karl-Marx-Stadt noch aus. In den Bezirken Cottbus und Magdeburg gibt es zur Zeit keine Bezirksvorstände des Verbandes.

### Grußschreiben des Rates für Sprachwissenschaft

Der III. Zentralen Konferenz wurde folgendes Schreiben des Vorsitzenden des Rates für Sprachwissenschaft der DDR an der Akademie der Wissenschaft übersandt:

Sehr geehrter Herr Dr. Blanke!

Zur III. Zentralen Konferenz der Esperantisten im Kulturbund der DDR entbiete ich Ihnen im Namen des Rates für Sprachwissenschaft die besten Grüße und wünsche Ihrer Tagung einen vollen Erfolg.

Anläßlich der auf Ihrer Konferenz vorgesehenen Gründung eines Esperanto-Verbandes im Kulturbund der DDR gebe ich der Hoffnung Ausdruck, daß sich diese Vereinigung entsprechend ihren Leitsätzen mit Sachkenntnis und Verantwortung der Untersuchung und praktischen Nutzung der komplizierten Fragen der Plansprachen widmen möge und auf diese Weise einen Beitrag zur Bewältigung der internationalen Kommunikation im Geiste des Friedens und der Völkerverständigung leisten möge.

Mit freundlichem Gruß

*gez. Prof. Dr. sc. Albrecht Neubert*

*Vorsitzender des Rates für Sprachwissenschaft der DDR*

## Rezultoj el la konkurso Johannes R. Becher

La Distrikta Laborrondo Esperanto en Leipzig alvokis al tradukkonkurso de verkoj de Johannes R. Becher omaĝe al ties ĉi-jara 90-a naskiĝtago. Kvarpersona jurio kompa – 12 tradukaĵojn, kiuj venis de tri personoj kaj grupeto de Sportiĝontaj Tradukantoj el Leipzig. Jen la rezulto:

B r a n ĉ o  p r o z o

1a premio al d-ro Karl Schulze por „La politika poeto".
2a premio al d-ro Karl Schulze por „Parolado antaŭ la unua kongreso de germanaj verkistoj en Berlin".

B r a n ĉ o  p o e z i o

Du 1aj premioj al Manfred Arnold por „Bovoviro kaj histriko" kaj al d-ro Karl Schulze por „Taŭro kaj histriko".
2a premio al d-ro Karl Schulze por „Beleco de l'hejmlando".
Aparta premio al Manfred Arnold por du poemoj, tradukitaj ekster la konkurso.

## Leipzig atendas vin!

Leipzig, dueplejgranda urbo de GDR, urbo de internaciaj foiroj, kongresoj kaj renkontiĝoj estas ankaŭ urbo kun tradicia kaj vigla Esperantista vivo. De la 12a ĝis la 14a de marto en 1982 la Internacia Foira Esperantista Renkontiĝo „IFER '82" kunigos 120 diversnaciajn geesperantistojn. Sub la ĝenerala temo „Goethe – Faust – Leipzig" ni aranĝos por vi atrakcian programon, en kiu ankaŭ interkona vespero, librobazaro, urborigardo, dancado ne malestos. Krome renkontiĝos fakgrupoj.
Ne maltrafu vian ŝancon, sed senprokraste petu programon kaj aliĝilon ĉe: Kulturbund der DDR, Organiza Komitato de IFER, DDR - 7010 Leipzig, Käthe-Kollwitz-Straße 115.

## Letervespero

Okaze de la fondiĝa datreveno de GDR (la 7an de oktobro) la Leipzig-a Laborrondo Esperanto aranĝos letervesperon. Ni petas niajn eksterlandajn geamikojn sendi al ni salutkartojn, leterojn kaj materialojn por ekspozicio. Respondo certa!
Skribu al: LAK Esperanto, PF 713, DDR - 7010 Leipzig.

## 1300 jaroj Bulgario

Okaze de tiu jubileo la Leipzig-a Laborrondo Esperanto eldonis filatelan tutaĵon. Porokaze poŝtstampo estos uzota de 1an ĝis 7an de septembro en ĉefpoŝtejo 7010 Leipzig.
La tutaĵo estos ricevebla ĉe: Librovendistino de LLE Helga Beau, Jacobstraße 9, DDR - 7010 Leipzig.

## Studenten-Esperanto-Treffen 1982

In der Zeit vom 9.–12. Januar 1982 findet an der Ingenieur-Hochschule Köthen ein Esperanto-Treffen von Studenten aus der DDR statt, an dem auch ausländische Gäste teilnehmen werden. Die Teilnahmegebühr beträgt M 60,– zuzüglich Fahrkosten. Es wird ein vielseitiges Programm in Esperanto geboten.
Anmeldungen nimmt entgegen: Hans-Peter Bartos, 4020 Halle, F.-Dzierzynski-Straße 10.

## 5a Esperanto-Konferenco

Tiu jam tradicia aranĝo de la distriktaj laborrondoj Rostock, Schwerin kaj Neubrandenburg okazis de la 24a ĝis 26a de aprilo 1981 en Neubrandenburg. Partoprenis ĝin 60 esperantistoj kaj gastoj el la partneraj urboj Mlada Boleslav (ČSSR), Razgrad (Bulgario) kaj Koszalin (Pollando).
Dum la konferenco oni precipe traktis la konkretan agadon de la grupoj. Entute aŭskultiĝis 16 prelegoj, inter ili 9 en Esperanto. Menciindas prelego pri vojaĝo al Japanio, pri 1300-jara Bulgario kaj pri la „gojoj kaj suferoj de profesia tradukisto". Dum la kultura vespero artistino prezentis folklorajn kantojn el ČSSR. Originala tombolo rezultigis 102 markojn por la internacia solidareco.
Kompreneble la delegacioj de la partneraj urboj ankaŭ havis konsultiĝojn kun siaj kolegoj el Neubrandenburg pri problemoj de kunlaboro.
Dum la konferenco la membroj el Neubrandenburg elektis 10 delegitojn por la IIIa Centra Konferenco en Karl-Marx-Stadt. Oni akceptis rezolucion.

Laŭ materialo de W. Pfennig

## Fotoj pri LEA-renkontiĝo

Gekamaradoj de la IVa LEA-renkontiĝo en Eisenach. Kiu povas sendi al mi fotojn kaj lumbildojn, kiujn oni faris dum la tagoj de nia IVa LEA-renkontiĝo? Bonvolu sendi ilin al mi. Mi pagos ĉiujn! W. Habicht, Lessingstraße 9, 5812 Waltershausen.

## Grava posteno

D-ro Endre Barát, ĉefsekretario de HEA, estis elektita sekretario de la Kultura Komisiono de Hungara Parlamento. Kiel sciate, ĝuste tiu komisiono pritraktis pasintjare la situacion de E-instruado en Hungario.

## Membraro de UEA

En la jaro 1980 UEA atingis la rekordan membronombron de 37177 en 100 landoj, inter ili 6629 individuaj membroj.

(El „Esperanto" 3/81)

## Touristisches Treffen in Schwarzenberg 1982

In der Zeit vom 6.–10. Oktober 1982 findet in Schwarzenberg, Bezirk Karl-Marx-Stadt, ein internationales touristisches Esperanto-Treffen statt.
Informationen: Rudolf Eichler, 9430 Schwarzenberg, Walter-Ulbricht-Str. 2

## Atanas D. Atanasov - ADA

Forpasis la 23an de marto 1981 unu el la plej elstaraj figuroj de la bulgara Esperanto-movado Atanas D. Atanasov - ADA en sia 89a jaraĝo.

Naskita en 1892 en Sofio, li komencis lerni Esperanton jam en 1905 kaj ekde tiam li restis fidela al la Esperanto-movado tutajn 75 jarojn. Kiel studento en la Sofia Universitato en 1910 li estiĝis prezidanto de la Studenta Esperantista Grupo kaj gvidis kursojn. En 1911 Atanasov estis elektita sekretario de la tiama Bulgara Esperantista Ligo.

Post la Unua Mondmilito ADA preskaŭ seninterrompe okupis postenojn en la movado: de 1920 ĝis 1926 vicprezidanto de Bulgara Esperantista Asocio. 1927 ĝis 1928 prezidanto, kiun postenon li okupis kun iuj interrompoj ĝis la Dua Mondmilito. Dank' al liaj klopodoj en 1921 la bulgara parlamento akceptis leĝon pri enkonduko de la internacia lingvo en la gimnaziojn.

Atanas D. Atanasov - ADA estis elstara esperantologo. El lia plumo aperis multaj prilingvaj artikoloj, lernolibroj multfoje reeldonataj, libroj originale verkitaj en Esperanto kaj tradukitaj. Li estis fondinto de IUEF kaj ties multjara prezidanto. De 1963 li estis membro de la Akademio de Esperanto kaj de 1965 ĝia vicprezidanto

Ĝis la lasta spiro ADA estis aktiva esperantisto, regule li partoprenis la kunvenojn, prelegis.

Li estis honora membro de UEA kaj de BEA.

La bulgara kaj la monda Esperanto-movado perdis sian elstaran membron, kies vivo kaj laboro lasos spurojn en ĝia historio.

## Partikongresa parolado de L. I. Breĵnev

Kiel esperantlingva suplemento por „Moscow News" n-ro 16 (2952) 1981 aperis resumo de la raporto de la Ĝenerala Sekretario de CK de KPSU L. I. Breĵnev al la 26a Partia Kongreso. Ĝi portas la titolon „Defendi la pacon – pli grava tasko nun ne ekzistas". La materialo, kiu ankaŭ entenas resumon de la raporto de la Prezidanto de la Konsilio de Ministroj de USSR, N. A. Tiĥonov „La plej alta celo – bonstato de la popolo" estas disdonita al ĉiuj partoprenintoj de la IIIa Centra Konferenco de la Esperantistoj en Kulturligo de GDR en Karl-Marx-Stadt.

## Atenton! Wilhelm-Busch-amikoj!

La 15an de aprilo 1982 W. Busch fariĝus 150-jara. Okaze de tiu jubileo la Esperanto-grupo Karl-Marx-Stadt okazigos W.-Busch-vesperon, per prezento de tradukoj de Busch-versoj. Kiu povas pruntedoni proprajn tradukojn aŭ ĝenerale tradukojn de aliaj? Kiu emas traduki ankoraŭ ĝis februaro '82 iun poemon de Busch? Nepre kontaktiĝu kun: Wilfried Hofmann, 9030 Karl-Marx-Stadt, Kopernikusstr. 60.

## Renkontiĝo kun Jiři Karen

En berlina klubo kun granda sukceso efektiviĝis 11an de marto 1981 programo dediĉita al verko de Jiři Karen.

## Hungara distingo por Blanke

En la kadro de la IIIa Centra Konferenco de la Esperantistoj en KL de GDR la reprezentanto de Hungara Esperanto-Asocio, d-ro Árpád Mathé, transdonis al d-ro Detlev Blanke la medalon de HEA „Pro Esperanto", per kiu HEA distingis la sekretarion de la Centra Estraro de Esperanto-Asocio de GDR „pro la plifortigo de la amikaj rilatoj inter la esperantistoj en GDR kaj Hungario"

## Tro da korektoj

Jes, en n-ro 106 (2/81) enŝteliĝis kelkaj strangaj eraroj. Verŝajne la redaktoro de „der esperantist" bezonas feriadon por ripozi.

Sur paĝo 46 aperis recenzo de SK-79, kiu ne estis de **K. D. Dungert** sed de **Richard Partecke.** Kaj sur paĝo 45 aperis informo pri la SAEST-materialo „Apliko de Esperanto en scienco kaj tekniko 1980", kiu ne estas verkita de **Erich Würker** sed – **de la redaktoro** mem. Jen – la pinto, ĉu ne? Nu – kion fari . . . pardonpeti al la koncernitoj, komprenebl.

## Ni gratulas al

— Hans-Joachim Borgwardt el Stralsund pro la distingo per la Johannes-R.-Becher-medalo en bronzo

— Rolf Bethke el Karl-Marx-Stadt pro la distingo per la Johannes-R.-Becher-medalo en bronzo

— familio Levin el Halle, al kiu naskiĝis la 20an de aprilo 1981 filineto Franziska.

# Rezolucio

## de la 14a Konsultiĝo 1981 en Přerov

### I

La reprezentantoj de la Esperanto-organizoj en socialismaj landoj, kunvenintaj en la urbo Přerov, ĈSSR, esprimas sian grandan zorgon pri la akriĝinta monda situacio, kiu ekestiĝis pro la kulpo de la plej agresemaj imperiismaj rondoj en okcidentaj ŝtatoj.

Kiel konsekvencaj agantoj por la paco kaj amikeco inter la popoloj, ni forte indignas kontraŭ la semantoj de malamo kaj provokantoj de interŝtataj konfliktoj.

Ni senrezerve subtenas ĉiujn sociajn fortojn, organizaĵojn kaj movadojn, kiuj energie kontraŭstaras la fabrikadon de nukleaj kaj neŭtronaj armiloj destinitaj por lokigo sur la teritorio de okcidenta Eŭropo.

Ni plenforte subtenas la porpacajn iniciatojn de la socialismaj landoj — frunte kun Soveta Unio — kaj de aliaj landoj pri senkondiĉa intertrakto koncerne la forigon de ĉiuj nukleaj armiloj el Eŭropo, kiuj minacas ties ekziston.

Ni alvokas la esperantistaron de la tuta mondo unuiĝi kaj dediĉi sin ankoraŭ pli fervore al la plej urĝa kaj nobla afero: la forigo de la militdanĝero kaj la konservo de la vivo sur la tero!

La esperantistaro agu, por ke la internacia streĉiteco ne damaĝu al la monda Esperanto-movado!

### II

La Konsultiĝo, substrekante, ke nur sub pacaj kondiĉoj la Esperanto-movado povas progresi, post aŭskulto de raportoj, proponoj kaj diskutoj, opinias utile, ke la landaj asocioj,

— direktu sian laboron por varbado de freŝaj fortoj kaj ties eduko kaj altiro al gvidorganiza agado,

— helpadu la junularajn sekciojn ĉe la organizado de laborbrigadoj, festivaloj, oratoraj konkursoj, internaciaj renkontoj,

— organizu semajnajn kaj dutagajn seminariojn kaj kursojn por pedagogoj kaj kadruloj de loka, departementa kaj landa signifo,

— pliintensigu la aplikadon de Esperanto en neesperantistaj medioj kaj organizaĵoj, en turismo, kulturo kaj arto,

— ellaboru proponojn pri kompilo de fakvortaroj kaj de terminaroj pri la socialisma socio,

— plibonigu la perspektivan planadon de siaj aktivecoj kaj pli frue interŝanĝu laborplanojn por tiel kunordigi sian laboron,

— iniciatu kaj pliaktivigu interlingvistikajn kaj esperantologiajn esplorojn kaj sociologiajn enketojn pri la Esperanto-movado en socialismaj landoj laŭ sperto de ĈEA.

Přerov, la 21an de aprilo 1981

## Komuniko

**pri la 14a Konsultiĝo de Esperanto-organizaĵoj el socialismaj landoj (SLEO-j), okazinta dum 16. – 22. 4. 1981 en Přerov/ČSSR**

Dum 16. – 22. 4. 1981 en urbo Přerov/ČSSR/ okazis la 14a Konsultiĝo de SLEO-j. Partoprenis reprezentantoj de sekvaj Esperanto-organizoj:

Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko; Asocio de Sovetuniaj Esprantistoj; Bulgara Esperantista Asocio; Centra Laborrondo Esperanto en Kulturligo de Germana Demokratia Respubliko; Ĉeĥa Esperanto-Asocio; Hungara Esperanto-Asocio; Pola Esperanto-Asocio; Vjetnama Pacdefenda Esperanto-Asocio.

La unuopaj delegacioj informiĝis pri atingitaj rezultoj de partoprenintaj SLEO-j, interŝanĝis laborplanojn, spertojn kaj informojn el diversaj intereskampoj. Ili akceptis rekomendojn por ligi pli profundajn kaj multflankajn laborkontaktojn inter siaj asocioj kaj kun tiuj organizoj, kie leviĝas intereso pri Esperanto, kiel ekzemple ĉe turistaj instancoj.

La Konsultiĝo aprobis rezoluciojn pri la internacia politika situacio kaj pri la solidareco kun Vjetnamio, Laoso kaj Kampuĉio. La partoprenantoj esprimis siajn dankojn al Ĉeĥa Esperanto-Asocio pro la certigo de bonaj laborkondiĉoj.

Přerov, 21. 4. 1981

## Rezolucio pri Solidareco

**La 14a Konsultiĝo de Esperanto-Organizaĵoj el socialismaj landoj (SLEO-j.) okazinta en Přerov, Ĉeĥoslovakio**

I **konstatas ke:**

Post la fondiĝo de Solidarec-komisiono kun la popoloj de Vjetnama Socialisma Respubliko, Laosa Popoldemokrata Respubliko kaj Kampuĉia Popola Respubliko fare de la 13a Konsultiĝo de SLEO-j en Sofio 1980, estis realigita certa politika, propaganda, kultura kaj porpaca agado de SLEO-j en la spirito de la aprobita rezolucio en Sofio.

II **konsideras ke:**

La motivoj pri kreo de la Solidarec-komisiono daŭre ekzistas kaj postulas pluan aktiviĝon en ĝia agado, ĉar bedaŭrinde daŭras la serioza milita minaco al la suvereneco de la tri hindoĉiniaj socialismaj ŝtatoj, provokata de la pekinaj ekspansionistoj.

III **rekomendas:**

En tiu intence streĉigata fare de la militaristaj rondoj internacia atmosfero, ĉiuj SLEO-j laŭ siaj eblecoj efektivigu efikan adekvatan laboron por morala kaj materiala helpo al la esperantistoj en VSR, LPDR kaj KPR.
Přerov, 21. 4. 1981

**Honore al la 90-a naskiĝtago de Johannes R. Becher 1981**

Johannes R. Becher

# *Popole propra*

I

Kiam la popol' la lumcentralon
Prenis, viro diris: „Estas ĝi
Nun popole propra – tuj signalon
Pri ĉi fakt' al ĉiuj donu ni."

El la rub' estiĝis la turbinoj,
Funkciigis ilin ĉies man'
Por la nova mastro de l'uzinoj.
Tuj ekzumis kanto kun elan'.

Kaj la kant' flugile portis lumon,
Kiu foren rompis tra l'obskur',
Kaj vespere aŭdis ni la zumon:
„Vidu, brilas tempo de l'futur'!"

Kaj fabrikoj lume nun ekspiris,
Kie mutis krea melodi'.
La popolo, fortkonscia, diris:
„Lumo jen. Kaj lumo estas – ni!"

II

Kiam tre malhelis tero nia,
Neŝanĝeble ŝajnis, ke l'estont'
Estos nur de malheliĝo plia,
Diris vir', „Ŝanĝiĝas ja la mond'.

Nur esperu! La mallumo cedos,
Kaj rebrilos lum' por vi kaj mi,
Se al manplektado ĉiuj pretos,
Ĉar la mondon, mondon ŝanĝos ni!"

Ĉu ne estis revo, idealo
Kaj nur bela nekredebla vort' –
Rubon de la tempo en realo
Ja forigas nur giganta fort'.

„Kiu do gigantas?" – jen demando.
Diris vir': „Gigantas nia rond',
Se ni firme diras al la lando
Frazon ĉi: Ŝanĝiĝas ja la mond'!"

En l'obskuro jam videblis pado,
Kvankam neirebla ŝajnis ĝi.
Tra l'obskuro eblis nun irado,
Kiel antaŭdiris la vizi'.

Ĉe ruinoj kun mortintoj plagas
Ilin tim' ankoraŭ pro l'obskur',
Sed jam rub-elire ili agas:
Homoj jam aliaj de l'futur'.

Post ruinsilento homoj sobraj
Vidis vivon nun kun nova senc'.
La fabrikoj, nun popole propraj,
Estis de l'futuro jam komenc'.

Do pri l'aliiĝo kantu kanton!
Liberiĝu frate nia rond'!
Vidu, lum' heligas jam la landon!
Kaj la mond', ŝanĝiĝas ja la mond'!

III

Nun daŭros ne plu longe,
Kaj paco estos jam.
Se pluv' verŝiĝis sponge,
Sekvadas suna flam'.

Kvazaŭ kulis' averta
Ĉirkaŭas nin ruin'.
Sed baldaŭ la necerta
Ne plu timigu nin.

Finiĝas viv' mizera,
Se VI mem finas ĝin
Kaj la popol' libera
Decidas pri l'destin'.

Se laborul', kampulo
Konsentas inter si,
La daŭro estas nulo,
Ĝis pacon ĝuos ni.

Tradukis d-ro Karl Schulze

*Detlev Blanke*

# Informado kaj argumentado VII

(daŭrigo el „der esperantist" 3/1981)

## 4. Kelkaj ĉefaj argumentoj

Ne eblas mencii ĉiujn argumentojn, kiuj kutime ludas rolon en diskutoj pri la monda lingvo-problemo kaj pri Esperanto. Ni mencios nur la ĉefajn, kaj eĉ ne tiujn ĉiuj. Ankaŭ ne eblas trakti la argumentojn detale, ĉar malantaŭ ĉiu argumento troviĝas tutaj konceptoj. Fakte ĉiu unuopa argumento postulus apartan traktaton. Detalan materialon por efike respondi al la diversaj argumentoj oni trovas en la abunde citita literaturo. Ni nur povas resumi nian opinion, kiel aliri la respondon al la prezentitaj argumentoj.

Oni povas distingi jenajn ĉefgrupojn de argumentoj rilate al Esperanto:

a) Argumentoj pri la signifo de planlingvo entute.

b) Argumentoj pri la ecoj de planlingvo kompare al etno-lingvoj.

c) Neseriozaj ŝajnargumentoj, kiuj nur baziĝas simple je nescio de elementaj faktoj.

### 4.1. Argumentoj pri la signifo de planlingvo

a) „Oni devas nei, ke ekzistas neceso proponi planlingvon kiel internacian komunikilon, ĉar aŭ fariĝos la angla (aŭ la rusa) aŭ la angla + dua lingvo (ekzemple la rusa resp. la angla) la estonta(j) internacia(j) lingvo(j)."

*Aliro al la respondo:* Oni devas tute realisme akcepti, ke la angla lingvo havas internacian fortan pozicion. Provoj pridubigi tiun pozicion estas neseriozaj. Tiu pozicio plue plifortiĝos (ekzemple en kongresoj, en sciencaj branĉoj) kaj samtempe malfortiĝadas pro la plifortiĝo de la suvereneco de multaj nacioj kaj iliaj lingvoj (ekz. en la iamaj kolonioj la angla perdas poziciojn). Ankaŭ la rolo de la rusa lingvo sendube kreskadas daŭre. La dialektiko konsistas en tio, ke la angla (kaj ankaŭ la rusa kaj aliaj lingvoj) ankoraŭ gajninte je internacia signifo, i. a. pro politikaj procesoj kaj tradiciaj kialoj, samtempe per tiu plifortiĝo de ĝia pozicio plifortigas reziston (de aliaj lingvoj) kaj pliakrigas la tutmondan komunikadan situacion. La neceso solvi la problemon fariĝas ĉiam pli kaj pli aktuala kaj ĉe tio ne eblas ignori la spertojn de la planlingvo Esperanto kaj ĝia movado. Grava marksisma argumento koncernas la samrajtecon de la nacioj kaj lingvoj, kiu estas nerealigita, se nacia lingvo fariĝus oficiale la internacia.

b) „Esperanto ne akceptiĝis kaj ne akceptiĝos".

*Aliro al la respondo:* Ke Esperanto ne akceptiĝis estas vera kaj nevera. Ĝi ne akceptiĝis en la imagita senco de tutmonde ŝtate rekonita sola internacia lingvo. La historiaj cirkonstancoj ne permesis la solvon de la lingvo-problemo (2 mondmilitoj, revolucioj, malvarma milito, internaciaj streĉoj k. t. p.). Do pri tio ne kulpas Esperanto. Sed ĝi akceptiĝis relative, nome en tiu senco, ke malgraŭ multaj planlingvaj provoj **post** Esperanto, ĝi restis la sola vere daŭre pligraviĝanta, tiel, ke oni ĝenerale identigas la planlingvan problemon kun Esperanto. Ke ĝi ne akceptiĝos estas spekulacia supozo kaj ne havas sencon pri tio diskuti. La politiko de la paca

kunekzistado donas realan ŝancon solvi diversajn tutmondajn problemojn, i. a. ankaŭ tiun de la lingva komunikado. Sed eĉ senkonsidere al akceptiĝo aŭ neakceptiĝo la lernado kaj apliko de Esperanto estas tia intelekta ĝuo kaj pliriĉigas la homan personecon tiom multe, ke valoras jam pro tio ĝin lerni.

c) „Nur tro malmultaj homoj konas Esperanton."

*Aliro al la respondo:* Kvankam la nombro de la parolantoj de Esperanto ne estas ankoraŭ tre granda, tamen ĝi estas pli granda ol la parolantaro de multaj etnaj lingvoj. La nombro de la uzantoj almenaŭ sufiĉas por

1) nepre garantii la pluevoluon de la lingvo,
2) tre larĝe praktike apliki ĝin kun utilo,
3) esti konsiderata internacia kulturpolitika faktoro,
4) por formi funkciantan modelon de unulingva internacia kolektivo, kiun oni povas studi kaj tiri el tio konkludojn.

d) „Registaroj ne subtenas Esperanton"

*Aliro al al respondo:* La situacio en la unuopaj landoj forte varias. Estas vero, ke en la eŭropaj socialismaj landoj la registara subteno (en diversa formo) estas sufiĉe forta. La Esperanto-movado en tiuj landoj estas integrita en la socion. Krome meritas substrekon, ke lastatempe internaciaj organizaĵoj kaj instancoj kiel UNESKO, OAS, EKOSOC, Monda Packonsilantaro kaj aliaj pli forte interesiĝas pri Esperanto ol iam ajn antaŭe post la dua mondmilito.

e) „Ne havas sencon okupiĝi pri planlingvo kiel Esperanto, ĉar la maŝinoj solvos la lingvo-problemon."

*Aliro al la respondo:* La teoria literaturo pri la stato kaj perspektivoj de la maŝina tradukado ne estas tre optimisma. La eŭforio de la 50aj kaj 60aj jaroj ĉesis[41]). Tamen, eĉ se la maŝina tradukado plene sukcesus, ĝi neniel estas konkurenco al la homa lingva komunikado. Planlingvo **kaj** maŝino estus bona reciproka kompletigo, ĉar oni ne devus traduki de etnolingvoj en etnolingvojn sed de etnolingvoj en la planlingvon kaj el ĝi en la etnolingvojn, kio estas multe pli ekonomia.

f) „Ekzistas diversaj planlingvaj projektoj kaj ne nur Esperanto. Do unue oni devos elekti inter tiuj diversaj eblecoj."

*Aliro al la respondo:* Oni ne malkaŝu, ke ekzistis antaŭ kaj post Esperanto multaj provoj (kaj eĉ nuntempe ankoraŭ fojfoje aperas novaj projektoj).

Esperanto certe ne estas la „maksimume bona" lingvo. Ankoraŭ ne eblas starigi objektivajn kriteriojn por mezuri la kvaliton de lingvo.

Oni povas teorie akcepti, ke iuj projektoj en lingvaj detaloj estas pli „bonaj" ol Esperanto. Sed ne gravas lingvaj detaloj sed la fakto, ke Esperanto dum pli ol 90 jaroj en la praktiko pruviĝis plene taŭga por la rolo de internacia lingvo.[42])

**Notoj**

[41]) pri tio komparu i. a.
— W. Wills: Automatische Sprachübertragung en: Sprache im Technischen Zeitalter, Nr. 9—12, p. 853—870, 1966, Berlin
— E. Fleischmann/R. Rothenhagen: Entwicklung und gegenwärtiger Stand der automatischen Übersetzung in der Sowjetunion, en: Wissensch. Zeitschrift der



## Otto Bäßler (1897-1981)

En la aĝo de 84 jaroj forlasis nin la 15an de junio 1981 kamarado Otto Bäßler. Li, naskita 17. 1. 1897, estis unu el la plej rimarkindaj reprezentantoj de la internacia kaj germana laborista Esperanto-movado antaŭ la dua mondmilito, kaj li, komunisto kaj esperantisto en harmonia unueco, donis gravan kontribuon al la evoluado de la Esperanto-movado en GDR, al la elformado de ties socialisma enhavo. Otto Bäßler lernis la profesion de presisto kaj fariĝis jam kiel junulo aktiva funkciulo de la socialdemokratia kaj poste de la komunista movado. Dum la dudekaj jaroj li estis aktiva en la Ruĝfronta Batalligo de la Komunista Partio de Germanio, agadis en la vicoj de Ruĝa Helpo kaj de la Ligo de Amikoj de Soveta Unio. En siaj diversaj funkcioj li ĉiam tre celkonscie ankaŭ uzis la internacian lingvon Esperanto, kion li ĉiam rigardis kiel batalilo por la interesoj de la laboristaro. Li aktivadis en SAT, poste fariĝis unu el la plej aktivaj funkciuloj de la opozicio en SAT, kiu poste, en la jaro 1932, kondukis al la fondo de Internacio de Proletaj Esperantistoj (IPE). Kiam oni reorganizis la Fsperanto-movadon en GDR, Otto Bäßler apartenis al la fondintoj de Centra Laborrondo Esperanto kaj ĵus, dum la IIIa Konferenco en Karl-Marx-Stadt, elektiĝis honora membro de Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR. Multaj memoras liajn elokventajn elpaŝojn, kiuj distingiĝis per vervo kaj entuziasmo pri kiu povus envii multaj pli junaj. La freŝecon de la spirito li konservis ĝis la lasta tago. Ĉiam li, klaskonscia funkciulo, staris sur la fundamento de proleta internaciismo kaj socialismo. Ankaŭ en internacia skalo Bäßler estis tre konata kaj aprezata ne nur en Soveta Unio sed ankaŭ en Bulgario kaj aliaj landoj. Por lia politika kaj kulturpolitika agado li ricevis altajn distingojn, i. a. la Patrolandan Meritordenon en oro kaj la Johannes-R.-Becher-Medalon en oro. Ni perdis Otto Bäßler, sed ne lian spiritan heredaĵon. Ĝin ni digne konservos.

D. Blanke

---

Karl-Marx-Universität Leipzig, Gesellschafts- und Sprachw. Reihe, Nr. 2—3, 1968, p. 255—266

— G. F. Meier: Geschichte der Problemdiskussion zur automatischen Übersetzung und Textanalyse, en: Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung, Berlin, 6/1978, p. 601—606

— H. E. Bruderer: Zum Stand der maschinellen und der maschinenunterstützten Sprachübersetzung, en: Die Überwindung der Sprachbarrieren, vol. I, München 1977, p. 483—512

[42]) Kp. D. Blanke: Planlingvaj projektoj kaj planlingvo en: D. Blanke (Red.): Esperanto: Lingvo, movado, instruado, Berlin 1977 (daŭrigota)

*Redaktas: Dieter Berndt*

# Legu kaj lernu! Lies und lerne! (10)

## Originala literaturo en Esperanto

Legu fragmenton el la libro de Jean Forge: „La verda raketo“.

Antaŭ la ĉiela pordego akceptis min Sankta Petro kun severa mieno. Mi ekmiregis, kiam lia unua demando estis: „Ĉu vi parolas Esperanton?“

„Jes mi ... mi ... pa-pa-lo-ras ... parolas ...“, mi balbutis tute konfuzite. „Nu, nu, hometo,“ li konstatis kun iom pli serena mieno. „Verdan stelon vi ne portas — hmm — mallonga perfektiga kurso ŝajnus por vi rekomendinda, ĉar balbutulojn ni ĉi tie ne ŝatas. Cetere — antaŭ ol vi eniros la ĉielan regnon, via ŝatata animo devos ankoraŭ iom migradi. Bonvolu eniri!“

Tion dirinte li mansignis al anĝelo kaj adiaŭante min per kuraĝiga ŝultrofrapo li enlasis min tra la blua pordego.

Mi komencis malgrandan babiladon kun la simpatia anĝelo, kiu en flua Esperanto informis min pri kelkaj detaloj. Por mi estis tre agrable scii, ke almenaŭ en la ĉielo nia verda lingvo estas ĝenerale kaj oficiale enkondukita kaj uzo de nacia lingvo eĉ malpermesita.

La anĝelo demandis min pri mia surtera nomo, profesio kaj loĝloko. Poste li malfermis grandegan libron, el kiu li legis detalojn pri miaj pekoj.

... fine li eldiris la pundecidon: „Unujara anim-migrado! La beston vi rajtas mem elekti!“

(Li elektis pudelon. Kaj kion tiu pudelo, kiu komprenis Esperanton travivis sur la tero ... tion vi povas legi en unu el la rakontoj de la libro „La verda raketo“).

## Klarigoj

| | |
|---|---|
| originala | — ursprünglich, original; |
| fragmento | — Fragment, Auszug; |
| raketo | — Rakete; |
| balbuti | — stottern; balbutulo = Stotterer; |
| konfuzite | — verwirrt, verlegen; |
| perfektigi | — vervollkommnen (perfekt-ig-i); |
| kurso | — Kursus, Atentu! kurzo = Kurs (beim Geld); |
| regno | — Reich; |
| animo | — Seele; anim-migrado = Seelenwanderung; |
| migradi | — wandern; |
| anĝelo | — Engel: Atentu! Anĝelo havas en Esperanto la personan pronomon **li** kaj ne ĝi! |
| mansigni | — mit der Hand winken (mano + signi); |
| enkondukita | — eingeführt (en-konduk-it-a); |
| malfermi | — öffnen, (fermi = schließen); |
| pudelo | — Pudel; |
| travivi | — erleben, durchmachen (tra + vivi). |

## Logika sekvo

Enketo inter anoj de la movado „Saniga kurado“ en Usono montris, ke inter la kuremuloj (uson-angle nomitaj „jogger“,) troviĝas multe pli da divorculoj ol inter la meza enloĝantaro. Specialistoj klarigas la fenomenon tiele: „Daŭra kurado stimulas la sangocirkuladon; pro tio la aktivuloj vidas pli klare.“

# 4a Rekontiĝo de iamaj laboristaj esperantistoj (LEA)

Dum la 19a ĝis 21a de marto 1981 en la historia turingia urbo Eisenach okazis la 4a renkontiĝo de iamaj germanaj laboristaj esperantistoj (LEA). En tre kamaradeca rondo entute 51 partoprenintoj interŝanĝis pensojn kaj memorojn pri la pasinta tempo. K-do Schödl mem jam staris dum junaj jaroj en la laborista Esperanto-movado kaj, nuntempe vicprezidanto de Centra Laborrondo Esperanto Berlin, parolis la salutvortojn en la nomo de CLE. Antaŭe li omaĝis al la 5 forpasintoj dum la lasta jaro kaj diris, ke estus necese tre rapide esplori ĉion, kion hodiaŭ ankoraŭ eblas ekscii pri la batalo de la iamaj laboristaj esperantistoj en la historio de la Esperanto-movado.

Vere ampleksan laboron faris la anoj de la turingia distrikto sub la gvido de k-do Werner Habicht el Waltershausen, kiu ne nur donis tre interesan sed ankaŭ valoran kontribuon pri la historia evoluo en la turingia distrikto. En la urbo Erfurt estas fondita la unua malnova laborista Esperanto-grupo en la jaro 1910. La unua mondmilito ne permesis ampleksigi la Esperanto-movadon kaj ĉio estis detruita! Post la milito oni denove kolektis la esperantistojn kaj fondis ĉie grupojn. Tre aktiva estis la esperantista laboro ĝis la komenco de la „Miljara regno“. La aplikado de Esperanto estis malpermesata. Oni transiris al kontraŭleĝa kaj sekreta laboro.

La Esperanto-ekspozicio tre detale montris la laboron en la distrikto Turingio, kiun zorgeme aranĝis k-do Habicht kune kun la grupanoj de Eisenach. Preskaŭ senmanke estis la ekspozicimaterialo ekde la jaro 1910 ĝis la hodiaŭa tempo! Estas tre valora ĝisfunda bazo por esploro de la „Historio de la laborista Esperanto-movado en Germanio“. Ni ŝuldas grandan dankon al k-do Habicht por liaj tre ampleksaj kaj valoraj raporto kaj klopodoj. Entute parolis 11 gekamaradoj en la diskutrondo. Tre valora ŝajnas al mi la diskutkontribuo de k-do Rödel pri la kontraŭleĝa laboro. Li estis arestita en koncentrejo kaj tre bone povis juĝi pri la tiama tempo. Ankaŭ k-ino Kolbe el Leipzig, partoprenínto de la LEA-kunsido en jaro 1910, skizis la potencbatalojn en la tiama laborista movado, kiu ankaŭ respeguliĝis komprenеble en la laboristmovadaj rondoj. Kompreneble mi nur povas citi kelkajn diskutkontribojn.

La alian tagon ni vizitis la memorejon „Eisenacher Parteitag 1869“ (Partia Kongreso de Eisenach 1869). En tiu ĉi muzeo ni ankaŭ trovis – Flagon de Amikeco – de laboristaj esperantistoj el Ruhla, kiuj kontaktis en la jaro 1928 la esperantistojn en la fabriko „Komunar“ en la urbo Minsk. La surskribo sur la flago estis jena teksto en tri lingvoj: Germane, Esperante kaj ruslingve: „Al la laboristoj en Minsk“. Rekompence la laboristoj el Minsk transdonis sovetan flagon por la laboristoj en Ruhla kun sama teksto, ankaŭ en tri lingvoj. La gvidantino de la muzeo prezentis al ni dek-minutan filmon pri la urba laborista historio. Tiu filmo ekzistas en 10 lingvoj. Ni proponis al la grupanoj de Eisenach traduki la tekston de la filmo en Esperanton kiel 11a lingvo. Tiu ĉi propono estis akceptita de la muzea gvidantino kaj de la esperantistoj en Eisenach. Do, ĉiu esperantisto, kiu vizitos, nepre postulu la Esperantan filmtekston.

Dum verspero ni kantis sub gvido de k-do Schödl el ties nova kantlibro laboristajn kaj popolajn kantojn. K-do Schödl ankaŭ akompanis nin per mandolino.

Tro rapide forkuris la horoj. Ni esperantistoj en GDR havas firman lokon en Kulturligo de GDR kaj estas forte kunligitaj al la paca ideo.

Ankoraŭfoje tre koran dankon al CLE, kiu ebligis al ni la 4an renkontiĝon de LEA-anoj. Dankon nepre ankaŭ al k-do Habicht el Waltershausen kaj al Ruth Partecke el Eisenach, kiu bone kunhelpis dum la organiza antaŭpreparo.

Tre kontentaj ni hejmenveturis pensante, ke la longjara, ofte streĉa batalo ne estis vana. Ankaŭ ni esperantistoj apartenas al la pioniroj de la laborista movado ĝis finfine ni venkis almenaŭ en unu parto de nia iama Germanio, en la Germana Demokratia Respubliko!

Werner Plate, Rostock

# KORESPONDDEZIROJ

31635

## GDR

Inĝenierino, 34j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t: Angelika Fischer, **1156 Berlin,** Ho-Chi-Minh-Straße 19/B

Lernanto, 15j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.: Ingo Fischer, **1156 Berlin,** Ho-Chi-Minh-Straße 19/B

Malnovajn ekzemplerojn de Esperanto-revuoj kontraŭ internaciaj respond-kuponoj ofertas: Oskar Stolberg, **7253 Brandis,** Markt 19

Sabine Johl, **2862 Goldberg,** John-Brinkmann-Straße 48, 29j., dez. kor. kun samaĝuloj el soc. landoj p. ĉ. t.

Cornelia Zarezki, **2820 Hagenow,** Feldstraße 64, Pf. 23/52, 24j., dez. kor. p. ĉ. t. kun esp el ĈSSR, Hungario, Bulgario

Monika Hasse, **2841 Jesow,** Pf. 109, 31j., dez. kor. p. ĉ. t. kun geesp. el ĈSSR, Hungario, Bulgario

Brigitte Hann, **2900 Wittenberge,** Sandstraße 7, 29j., dez. kor tutmonde p. ĉ. t.

Junaj geesperantistoj el Köthen, 16—30-jaraj, dez. kor. tutmonde. Krome ili planas letervesperon okazontan en oktobro 1981 kaj atendas multajn leterojn. Skribu al: Subdistrikta Estraro Esperanto, **4370 Köthen,** Leninstraße 34a

Klaus Klimt, D.-Erxleben-Straße 12, **4300 Quedlinburg,** aĉetas, prunteprenas aŭ interŝanĝas kontraŭ Esperanto-literaturo kajerojn „Ni kantas esperante"

## Bulgario

Edziĝon proponas 39jara fraŭlo, oficisto, uzante Esperanton, francan, polan, rusan: Roman Detscheff, ul. Vasil Aprilov 3, **5060 selo Ressen,** Velikotârnovsko

Medicinistaj laboristoj el **9850 Preslav** dez. kor. p. ĉ. t.:

- Ginka Marinova Stanĉeva, str. Cerkovski 40, 28j., flegistino
- Donka Petrova Marinova, str. Cerkovski 43, 38j., flegistino
- Jordanka Todorova Ilinĉeva, str. Karavelov 16, 46j., rentgena laborantino
- d-ro Dimitâr Kostadinov Slavov, str. Boris Spirov 27, 40j., kuracisto-neŭrologo
- Slavka Petrova Atanasova, str. Boris Spirov 63, ap. 10, 30j., flegistino
- Donka Angelova Polihronova, str. K. Metodij 25, 30j., flegistino
- Eli Stojanova Salabaŝeva, str. Javorov 10, 28j., kuracistino-akuŝistino
- Katja Krâsteva Kostadinova, str. N. Rilski, ap. 35, kuracistino en infana fako, 30j.
- Grozdanka Nikolova Grigorova, str. L. Burgas, 26j., kuracistino en infana fako
- Rajna Nedkova Kuleva, str. R. Daskalov, 47j., instruistino
- Eskul Palov, str. Vasil Levskii 2, 27j., kuracisto
- Ĵivka Mineva, str. Ivan Matev 8, 27j., flegistino
- Hamdi Rafiev, str. Rakovska 7, kuracisto

## ĈSSR

21j. laboristo dez. kor. tutmonde pri muziko kaj laboro en bibliotekoj: Peter Kluc, Svojetin 143, **270 05 Milostin**

33j. oficistino dez. kor. pri muziko, literaturo, historio, filmoj, kol. bk: Marie Forsterova, **273 74 Horešovičky 9,** okr. Kladno

Arkivdirektoro, 55j, dez. kor. tutmonde p. c. t.: Miloslav Blažek, Volgogradská 17, **704 00 Ostrava 3**

9 freŝbakitaj geesperantistoj, 20 — 55j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., kol. pm, bk. Komuna adreso: Trojan Vojta, **542 01 Žacléř 364/B**

## Hungario

30j. komencanto dez. kor. p. ĉ. t.: Gusztáv Nagy, **6722 Szeged,** Gutenberg u. 28

Lernantino dez .kor. kun 17j. knabino: Erika Mészáros, **8100 Várpalota,** Steinmetz u. 18

## Soveta Unio

15j. knabo dez. kor. tutmonde: Žiaunys Sintaras, str. Žemajtijos 9—25, **235 500 Mažeikiai,** Litovio

Studentino, 19j., dez. kor. tutmonde: Skirmantaite Danguole, **Šiauliai-10,** Basanavičiaus 13-45, Litovio

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR
Esperanto-Verband
Redaktion: 1080 Berlin, Charlottenstr. 60
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke. Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. – Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. – Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 684